# INTERNACIA

JARO IX, SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO—DECEMBRO 1965, № 4



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## LA HUNGARAJ ĴURNALISTOJ AKTIVAS

*Antaŭ la 51-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto 1966 la hungaraj ĵurnalistoj-esperantistoj jam aktiviĝis.*

*Ekzemple la gvidanto de la Gazetara Servo ĉe LLK Imre Szenes (adreso: Budapest VII, Rákószi ut 54, redakcio de „Népszava") aperigis sinsekve bonajn kaj trafajn artikolojn pri la movado, pri UEA, Stelo—valuto, pri la Pedagoga E.-tendaro en Szeged en la ĵurnalo „Népszava" (Popolvoĉo), kies kunlaboranto li estas. De d-ro István Avar aperis vjetnama rakonto en ĵurnalo „Magyar Nemzet". S-ino Eszébet Kiss regule redaktas la monatajn kvin minutojn pri Esperanto por la Hungara Radio „Petöfi".*

*De Szenes aperis ankaŭ bona respondo en „Élet és Tudomany" — literatura gazeto—pri la diskuto „Ĉu Esperanto taŭgas en la literaturo". Pri la sama temo aperis alparolo de P. Balkányi en gazeto „Magyarország". Li ankaŭ verkis du artikolojn pri Esperanto por la diverslingva revuo „Hungarian Exporter" eldonata de la Hungara Komerca Ĉambro. Pri la kongrespreparoj aperis de li per la kolego Kazimiers Malycha artikolo en pola lingvo en la ĵurnalo „Ilustrowani Kurier Poslki" (K. Malycha—Bydgoszez, ul. Krolowej Jadwigi 17/4—de multaj jaroj regule aperigas en tiu ĵurnalo sciigojn kaj artikolojn pri kaj en Esperanto).*

*En urbo Dunaujváros s-ano István Bencsik regule aperigas en la tiea ĵurnalo sciigojn pri Esperanto, Li ankaŭ kunlaboras pri eldono de teknika vortaro en Esperanto.*

*Ni devas mencii ankaŭ la modelan revuon laŭ ĵurnalista vidpunkto „Hungara Revuo", kies ĉefredaktoro estas Lajos Kökény, la resp. redaktoro s-ino Barbâla T. Szerémi kaj la regulaj kunlaborantoj J. Baghy, K. Kalocsay, S. Szathmári, L. Tárkony, P. Balkányi, V. Benczik. Ĉiuj estas aktivaj aŭtoroj.*

*En la oficiala presserva eldono de MTI (Hungara Telegrafa Agentejo) ties kunlaboranto prof. Imre Botos regule aperigas sciigojn ĉerpitajn el la Gazetara Servo de UEA kaj el aliaj fontoj kiujn sciigojn kelkaj ĵurnaloj utiligas.*

*La Gazetara Servo de LKK prizorgas krom hungarajn ĵurnalojn ankaŭ la mondan esperantan gazetaron per diversaj artikoloj pri la kongreslando Hungario kaj por tiu celo volonte sendas fotojn.*

*La Kongresa Komitato en Budapeŝto sendis cirkuleron al gazetoj pri la starigita ĉe LKK Gazetara Servo. Per ĝi LKK:*

*„. . . petas kaj esperas ricevi vian apogon kaj amikan kunlaboron. Ni deziras sendi al vi laŭeble kun taŭgaj fotoj—regule diverstemajn artikolojn pri nia lando, pri la Kongresurbo kaj pri la vivo, kulturo (literaturo, arto, muziko), kiel ankaŭ pri la ekonomia vivo, industrio, socia vivo, progreso de la lando k. t. p., eventuale pri la Esperanto—movado.*

*Bonvolu al ni sendi baldaŭ viajn dezirojn, proponojn precipe pri tio, kiaj temoj interesas viajn legantojn. Bunvolu indiki kiomfoje ni sendu al vi materialojn—ĉiumonate aŭ ĉiu dusemajne, aŭ alitempe. Bonvolu informi*

## AKTIVA E.-PIONIRO KAJ ĴURNALISTO KAZIMIERZ MALICHA

La agado de s-ano Kazimierz Malycha estas senprecedenca en la Esperanto-movado. Dank' al lia strebo en unu el la plej popularaj vesperĵurnaloj de Pollando „Ilustrowany Kurier Polski", de kies redakcio li estas sekretario, aperas ĉiujare ĉirkaŭ 600 informoj aŭ artikoloj pri Esperanto t. e. pli multe ol en ĉiuj ceteraj polaj gazetoj.

Estus do trafe konsideri redaktoron Malycha unu el la Esperantistoj de la Jardudeko.

— **Samideano Redaktoro, kio emigis Vin entrepreni ĝuste tian poresperantan aktivadon?**

— Por ke homoj interesiĝu pri iu afero, ili devas ion scii pri ĝi. Laŭ mia profesia sperto ne sufiĉas unufoje, eĉ se laŭte, anonci iun novaĵon, ke ĝi estas socie akceptita. Pli valoras malgrandaj informoj, sed konstantaj. Konstanteco estas la plej grava principo de bona propagando. Ĝuste tial mi engaĝis tiucele *„Ilustrowany Kurier Polski"*.

— **Kiam Vi komencis ĉi-koncernan laboron?**

— Antaŭ 10 jaroj la movado komencis vigliĝi. Aperis „Sinjoro Tadeo". Mi publikigis la informon. Estis videbla interesiĝo inter la legantoj. Unu jaron poste okazis la Tutpollanda Kongreso en Varsovio, kiun partoprenis ankaŭ la ĉefredaktoro de „IKP", konata nuntempe socia aktivulo, deputito al Sejmo, Witold Lasota. La Kongreso imponis al li, kaj li mem iĝis tre amika rilate al Esperanto kaj ĉiam trovas multe da favoro por nia afero, kio i. a. esprimiĝas tiel ke preskaŭ ĉiutage aperas Esperanto-informoj en „IKP". Poste mi partoprenis la Kongresojn en Marsejlo (1957) kaj Majenco (1958), de kie sekvis pli grandaj korespondaĵoj. Okaze de la Varsovia Kongreso (1959) aperis speciala priesperanta numero.

— **Kiamaniere Vi kolektas informojn, sinjoro Redaktoro?**

— Dum tiuj kelkaj jaroj formiĝis speciala reto de la informantoj. Mi havas kontaktojn kun unuopaj esperantistoj kun lernejoj, kluboj, krome mi ĉerpas informojn el Esperanto-gazetaro, *klopodante ĉiam ke la informoj* koncernu ne organizaferojn, sed faktojn ekestintajn **pere de Esperanto.** Nur tiaj informoj valoras kaj tiajn mi ĝoje ricevas (Ilustrowany Kurier Polski, Bydgoszcz, Pollando).

**— Nun, sinjoro Redaktoro, ni volonte ekaŭdus ion alian el Via esperantista vivo.**

— Mi esperantistiĝis en 1920. En Bydgoszcz estis tiam tre vigla movado. Tie ĉi agis Mieczyslaw Sygnarski, Kronenberg, la fratoj Fethke. La militon mi pasigis en la hitlera koncentrejo Gusen. Ĝuste en Gusen mi trovis grandajn amikojn esperantistojn in. a. samideanon Hector Goffejon el Belgujo. Post la milito la movado revigliĝis en larĝa *skalo en la jaro 1955.* La plej interesaj atingoj ŝajnas tiuj de la junularo. Ĝuste „Banjou" mi pleje laŭdus.

— Dankon, Sinjoro Redaktoro, kaj nome de Pola Esperantisto bonvolu akcepti gratulojn okaze de la 45-a datreveno de la esperantistiĝo kaj dankojn pro la Esperantoinformado en „IKP" senĉese dum 10 jaroj.

El „Pola Esperantisto"
n-ro 4 (julio-aŭgusto 1955)

Red. rim. La redakcio de „I. J." tutkore salutas nian E.—pioniron K. Malicha kaj gratulas lin okaze de lia jubileo—45-a datreveno de la esperantistiĝo.

---

*kiom da tekstoj (tajpitajn foliojn) vi povas utiligi. Kompreneble ni sendos al vi tekstojn, kiujn vi povas uzi laŭ via plaĉo. Ni konsentas ankaŭ mallongigon se tio ne ŝanĝas la sencon de la informo."*

*Estus bone se ne nur la redakcioj, sed ĉiuj apartaj ĵurnalistoj—membroj de TEĴA—kontaktiĝus kun la Gazetara Servo de LKK, petus kaj utiligus la gazetmaterialojn. La adreso estas: Hungara Esperanto-Asocio, Gazetara fako, Budapest 5, Pf. 193, Hungario.*

*Ni esperu, ke la hungaraj teĵanoj, la Gazetara Servo helpos ankaŭ al TEĴA por la bona kaj fruktodona aranĝo de nia TEĴA — fakkunveno, kiu okazos dum la 51-a Universala Kongreso en Budapeŝto. Per tiu nia aktiva kunlaborado kun la Gazetara Servo de LKK ni praktike uzos la Int. lingvon en profesia laboro, ni propagandos plensukcese Esperanton kaj nian fakan ĵurnalistan organizaĵon.*

Muzeo pri naziistaj kruelaĵoj en Izraelo



En sia historio la hebrea popolo treege suferadis. Precipe ĝi eksuferis ekde la konkero de la ŝtatpotenco en Germanio fare de la hitlerofaŝistoj. Antaŭ kaj dum la Dua mondmilito pereis kune kun dekoj da milionoj de eŭropanoj ankaŭ ses milionoj da hebreoj senkulpaj viroj, virinoj, maljunuloj kaj infanoj.

Sur la bildo: artefarita maketo de la naziista teruriga koncentrejo Treblinka. Ĝi reprezentas parton de la granda muzeo-ekspozicio, pri la hitlerofaŝistaj kruelaĵoj, organizita en Kiblutz Lohamei Hagetaot, situanta en Norda Izraelio

## NOVAĴOJ

— En dek po'-revuoj por franclingvaj junuloj aperas de tempo al tempo artikoloj pri kaj per Esperanto. Krom mallongaj novaĵoj el la tuta mondo, elektitaj temoj estas: D-ro Zamenhof—Humoro sen landlimoj-Primoŝten — La Maorioj—Homo kaj Kosmo—Edukaj krozadoj ktp.

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" tutkore salutas la legantojn de la organo okaze de la Novjaraj festoj kaj bondeziras al ili sanon, feliĉon kaj pacon dum 1966 jaro.

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— Ĉi tio koncernas ankaŭ vin. — Faldfolio en ses lingvoj (inkluzive Esperanton) pri la Kampanjo en Danlando kontraŭ la Atom-armiloj.

— Apel. Pli grandformata faldfolio pri la Kampanjo kontraŭ la atom-armiloj — en ses lingvoj (ankaŭ en Esperanto). Eldono de Helge Foghmar, Kopenhago, Danlando.

# LA GROTO LEDENIKA

La vagonaro haltas ĉe la stacidomo. Inter la vojaĝantoj-centoj da turistoj. La aŭtobusoj veturigas ilin al la subtera mondo. Ni proksimiĝas al la grandioza pasejo „Vratcata" (Pordeto), malnova intermonto de rivero Ljava. Laŭ tiu pasejo la urbo Vraca ricevis sian nomon.

Aparte mistera kaj impona estas la pasejo dum la profunda nokto, kiam la luno surverŝas per sia lumo altegajn abismajn rokojn. Iam ili plene similas al la antikvaj kasteloj. En la silenta nokto estas aŭdebla nur la murmurado de la rivereto. La malvasta montpasejo estas ornamita per rokoj, similantaj al mirindaj figuroj de homoj, bestoj, ĉaroj, skulptitaj dum jarmiloj. Elsub la rokoj estas faŭkantaj multnombraj malvastaj enirejoj — komencoj de grotoj, en kiuj estas malkovritaj multaj restaĵoj de la prahistoria tempo.

Supre, meze de la montarĉeno, cent paŝojn distance de la malgranda koketa montodomo „Ledenika", trans pinarbaro, inter disrompitaj rokoj faŭkas enirejo, alta malpli ol homstaturo. Krutegaj ŝtuparoj de la enirejo kondukas malsupren, en la groton „Ledenika" (Glaciejo). Tie, kie finiĝas ili, komenciĝas tiel nomata „Antaŭĉambro", impona laŭ siaj dimensioj. Tie ĉi la stalaktitoj apenaŭ estas videblaj. Flanke la muro estas ornamita per multnombraj „poŝetoj", per belegaj kristalglaciaĵoj — kudriletoj, kiuj donis la nomon de la groto. Dekstre de la „Antaŭĉambro" la groto faras malgrandan deviaĵon — tiel nomatan „Plaznjata". De tie falas torento, por ke sin direktu al la Lupkavo — abismo, malfacile atingebla, kaj ankoraŭ ne sufiĉe esplorita. Ni trapasas la ĉefan akson de la groto kaj laŭ koridoro eniras la „Malgrandan Templon". La stalaktitoj kaj stalagmitoj ĉi tie jam havas imponajn dimensiojn, modelitajn en mirindajn formojn kaj ornamaĵojn.

La galerio denove mallarĝiĝas kaj post kelkaj paŝoj ni troviĝas en la „Granda Templo". Tie ĉi ĉio estas majesta, grandioza. Kolosaj kolonoj kiel glaciigitaj akvofaloj apogas la pendantan arkaĵon de miloj da ornamaĵoj, falditaj ŝtonaj standardoj, grandegaj tamburoj kun pezaj kafkoloraj franĝoj, kurtenoj, akvofalo, ŝtona lampŝirmilo, lampŝirmilo de la „Blanka Templo" — ĉio ĉi tio estas parto de la unika majstreco de la malgranda akvoguto dum la jarmiloj. „La Templo" brilas arĝentblue. La fantaskaj figuroj retiriĝas. De sub la „Plafono" malleviĝis belegaj graciaj stalaktitoj, ili kunligiĝas kun la stalagmitoj kaj formas fantaskajn ornamaĵojn.

Ŝtonaj ŝtuparoj kondukas supren sur la glitige klinitan ŝtonplaton. De sub la malalta arkaĵo oni atingas la „Lagon" — malgranda baseno kun kristale pura akvo. La ŝtonetoj sur la fundo brilas. La stalaktitoj speguliĝas en la trankvilan akvosupraĵon.

De la „Granda Templo" laŭ vojeto de ŝtonaj platoj kaj poste per ferŝtuparo oni eniras en alian enirejon, kiu troviĝas inter superpendantaj kurtenoj kun verda koloro. Alte supre brilas la malfacile atingeblaj ornamaĵoj de la „Kristala Galerio", kaj sub ili — ŝtonigita akvofalo. De tiu ĉi loko nun kondukas fera ŝtuparo al la „Malgranda Abismo" kun spiralŝtonaj kolonoj, senmovaj fontanetoj kaj flavaj kurtenoj. Ĉirkaŭe ruĝetaj kandelingoj preskaŭ senpere baras la halon post la „Abismo". La vizitanto povas halti antaŭ la „Kurtenetoj" — tiel trafe la esploristoj nomis tiujn rokajn formaĵojn, similantajn falditajn kurtenojn. Kaj pli supre troviĝas „La Sepa Ĉielo" — ŝerca titolo de tiu angulo de la groto. Arbaro el la ŝtonigitaj arboj estas la lastaj dekoracioj de tiu subtera palaco de la beleco.

Malgraŭ la malriĉa nutraĵmedio, preskaŭ konstante malfavora temperaturo kaj humido — krudaj kondiĉoj por vivo, kiujn proponas la groto, tie loĝas 23 specioj da rokaj bestoj. „Ledenika" estas la unuanura groto en Bulgario, en kiu loĝas 5 diversspecaj grotaj skaraboj, miriapodoj kaj aliaj. De la vespertoj estas renkontitaj du specioj. La groto ne estis loĝata de la primitiva homo.

„Ledenika" estas nacia turisma objekto. Bone aranĝita, elektrigita, ĝi estas alloga por ĉiu frekventanto-amanto de la naturo. Li eliras el la groto ravita de, la neatingebla arkitekto — la malgranda akvoguto.

T. Dunĉeva

---

## MODELA GAZETARA SERVO EN TOKIO

La Gazetara Servo de la LKK (de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto) en Sofia estis tre bone organizita. Kelkdekoj da ĵurnalistoj kunlaboris al ĝi. Kiel ni eksciis, tre bone estis organizita kaj funkciis ankaŭ la Gazetara Servo de la 50-a UK en Tokio, Japanio, ĉi jare.

La japana branĉo de la Gazetara Servo, gvidata de s-ano T. Niŝiumi, liveradis informojn pri la Kongreso al la enlanda kaj eksterlanda gazetaro; la esperantlingva branĉo (sub la gvido de s-ano T. Isiguro), ĉiutage eldonadis detalan bultenon en Esperanto—entute ĉirkaŭ 40 grandformataj paĝoj sendatan aerpoŝte al la Esperanto gazetoj kaj radiodissendoj. Imitinda tamen estas la fotoreprodukta metodo („offset") uzita en Tokio. Ĝi montriĝas pli bona ol la ĝisnunaj multobligaj sistemoj. Ni vidas la bultenojn belajn, klarajn kaj krom tio oni povas reprodukti bildojn kaj eĉ eltiraĵojn el libroj, gazetoj k. a.

Tre grava estas tio, ke en la bulteno oni trovas ne nur tekstojn de la festparolado, sed ankaŭ tekstojn de ĉiuj aliaj oficialaj alparoloj dum la Inaŭguro, kio mankis en la pli fruaj kongresoj. Bone estas ankaŭ tio, ke oni legas la nomon de la raportanto.

Certe la Gazetara Servo de LKK en Budapeŝto pristudos kaj imitos la ekzemplon de la bulgaraj kaj japanaj kolegoj.

## El poemoj pri nova Afriko

### PLI ALIA FILO

**John Okai** (Ghana)

1.

Atendu, panjo, min,
Atendu pace,
Sen la sopiro,
Noktoj de maldormo...
Ne, rememoru min,
Jam ekvidinte,
Ke hejmen paŝas,
Ke revenas mi.
Mi estas sola nun
En la densejo,
Sed vi ne timu,
Ne maltrankviliĝu:
La altaj arboj,
Herboj kaj riveroj
La valoj kaj montaroj
mutras min.
La suno kaj la luno
Montras vojon,
Kaj la folioj
Donas bonan liton,
La feloj ŝirmas min
De la malvarmo,
La birdoj kantas...
Mi feliĉas, jes!
Ne elĉerpiĝis
La hejmlandaj vastoj,
Fekundas ja
La tero de patrinoj.
Kaj dum tempesto,
Frosto kaj pluvego
Varmiĝas mi
rememorante vin.
Vi scias,
Ke la haŭton elefantan,
La flaron de vesperto,
Krurojn strutajn
Mi havas,
Kaj en mia brusto batas
La forta koro
De leono mem.
Atendu, kara panjo,
Sed maldormon
Kaj maltrankvilajn sonĝojn
Pelu for.

2.

Atendu, panjo, min,
Atendu pace,
Sen la sopiro,
Noktoj de maldormo...
Ne, rememoru min,
Jam ekvidinte,
Ke hejmen paŝas,
Ke revenas mi.
Al la fratinoj
Tute malpermesu
Sopiri,
Atendante ĉe la vojo,
Kaj en angulo ĉiu
Kaŝi triston
Pri la disiĝo longa
Inter ni.
Kaj ne permesu larmojn!
Unu ploras —
Alia tuj
Pli laŭte eklamentas,
Rememorante
Pri konsoloj miaj,
Kiam mi estis hejme,
Apud ŝi.
Ne sendu al mi
Fruktojn por la festoj —
Fordonu ilin
Al etuloj niaj,
Sed ne forgesu
Min, pli aĝan filon,
Ĉe la festena tablo
Nomi nur.
Devigu la fratinojn
Fari fornon —
Per la hejtaĵo
Mi provizos ilin,
Nur ili ĉiam
Bone ĝin prizorgu,
De pluvo kaj de ŝtormo
Gardu ĝin.
La hejmon,
Konstruitan de la patro,
Provizos mi
Per benkoj, balailo
Kaj plektos maton bonan
Por la planko,
Pioĉon
For la bedoj
Muldos mi.
Kaj la fratinojn
Mi instruos.
Esti
Similaj
Al la senforgesa patro —
Ne plori, sekvi min,
Pli aĝan fraton
Kaj ankaŭ
Junan pioniron ja!
Atendu, panjo, min,
Atendu pace,
Sen la sopiro,
Noktoj de maldormo...
Ne, rememoru min,
Jam ekvidinte,
Ke hejmen paŝas,
Ke revenas mi.

Esperantigis **K. Gusev**

**Notoj pri la aŭtoro:** John Okai estas juna afrika poeto, laŭreato de prezidanta premio en Ghana. Nun li estas studento de Moskva Literatura Instituto.

## S. I. TANEEV

Sergeo Taneev estis granda rusa komponisto, kulturaganto kaj esperantisto. Eble ne multaj scias ke tiu rusa komponisto-ŝatata lernanto de P. Ĉajkovskij, kies disĉiploj estis tiom elstaraj talentoj kiel Raĥmaninov, Skrjabin, Glier, Ljapinov kaj multaj aliaj—esfis esperantisto. Oni supozas, ke la famaj favoraj eldiroj de Leo Tolstoj pri la valoro de Esperanto, estis esprimita sub la influo de S. Taneev, kiu sukcesis interesigi la grandan rusan verkiston pri la Internacia Lingvo.

En Moskva Nova Virgina Tombejo estis antaŭ kelkaj monatoj solene honorita la rememoro de Taneev. La direktoro de l'Granda Teatro M. Ĝulakian kaj muzikisto—faris prelegon pri la signifo de Taneev. Krome parolis prof. S. Skrebcov — muzika teoriisto de Moskva Konservatorio. La Ŝtata Kapelo sub la gvido de A. Sveŝnikov plenumis „Vesperon" — ĥoron de Taneev — kaj parton el „Vespro" de Raĥmaninov. La sekvintan tagon en la Moskva domo de Medicinistoj okazis kunveno de esperantistoj dediĉita al la memoro de Sergeo Taneev. Estis raporto pri liaj vivo kaj verko.

S. Taneev naskiĝis en 1856 j. en Vladimir-sur-Kljazma kaj mortis la 19-an de junio 1915 ne ĝisvivinte la Oktobran Revolucion. Pro la Unua Mondmilito lia morto estis nerimarkita evento. En vilaĝo Djudkovo, kie li mortis, kreiĝis libervola popola muzeo, dediĉita al Taneev-Ĉehov-Levitang—ravaj mejloŝtonoj de la rusa kulturo.

Sergeo Taneev kiel karaktero formiĝis sub forta influo de sia frato Vladimir Taneev, kiu estante je 16 jaroj pli aĝa, okupis l'imarkindan rolon en la sociologio. Li estis advokato, kiu defendis simplajn popolanojn dum juĝprocesoj. Lin bone konis Karl Marks. En unu sia letero li interalie skribis:

„ . . . Sinjoro Taneev, kiun vi konas, kaj kiun mi estimas jam longtempe kiel sindonan amikon al la liberigo de l'popolo, povas esti la sola advokato, kiu entreprenus tian senprofitan aferon. Mi vin kore dankos, se vi je mia nomo petos lin partopreni en la ekstreme malfacila situacio de mia amiko.

Via Karl Marks. 9. I. 1877"

Vl. Lenin prezentis eblecon al V. Taneev labori en la biblioteko de l'Konsilantaro de Popolaj Komisaroj kaj ĉiel akcelis en liaj vivo kaj verkoj. V. Taneev mortis en 1921. Nuntempe en Moskvo unu strateto estas nomita je la nomo de Taneev-fratoj. Oni klopodas organizi muzeon de la du eminentaj fratoj, kiuj estis gravaj reprezentantoj de la rusa kulturo. Parto el la propraj aĵoj de S. Taneev estas konservitaj en la muzeo de Ĉajkovskij en la urbeto Klin (apud Moskvo) Tie estas ankaŭ la taglibro de S. Taneev skribita en Esperanto.

S. Taneev ne povis stari flanke de tiom progresema kaj avangarda afero kia estas la movado por Internacia Lingvo. Kaj li faris en ĝi tre gravan kontribuon.

Grava figuro en la esperantista movado, Sergeo Taneev staras en la sama vico kun aliaj elstaraj rusaj figuroj, kiuj pledis por Esperanto: L. Tolstoj, M. Gorkij, K. Ciolkovskij, J. I. Miĉurin, V. Obruĉev, A. Fersman, I. Boduen de Kurtene.

**A. Danovskij**

## KIEL APERIS „LA SORTO DE HOMO"

Dum la 49-a Universala Kongreso de Esperanto en Hago, Nederlando, mi konatiĝis hazarde kun unu bona nederlanda esperantisto — s-ano Anĝelo Agosti el la urbeto Purmerend. Tiam li afable invitis min gasti al lia familio. Post la kongreso mi pasigis kelkajn agrablajn tagojn en lia domo.

Dum niaj konversacioj s-ano Agosti diris al mi, ke li tradukis la rakonton de la fama soveta verkisto Miĥail Ŝoloĥov* „La sorto de homo". Trafoliuminte la manuskripton de tiu tradukaĵo mi konstatis, ke ĝi ne estas bona, ĉar la traduko ne estas farita el la rusa originalo, sed el nederlanda lingvo. La traduko en nederlanda lingvo ne estas perfekta.

Tiam ni interkonsentis: mi prenos la manuskripton de s-ano Agosti por sendi ĝin al iu sperta soveta esperantisto. La manuskripton mi sendis al la estrarano de TEJA s-ano Nikolao Danovskij en Moskva. Li avertis min, ke efektive en la traduko estas malĝustiaĵoj kaj ke estas necesa serioza kontrolo kaj komparo kun la rusa originalo. Tiun taskon plenumis s-ano Danovskij mem. Post tio li donis la reviziitan manuskripton por publikigo. Kaj oni eldonis ĝin per la Unio de sovetaj societoj de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj.

Tiel aperis en Esperanto la famiĝinta rakonto de Ŝoloĥov — „La sorto de homo" en traduko de A. Agosti kaj N. Danovskij.

Iv. Esperov

* **Dum oktobro j. k. Mihail Ŝolohov fariĝis Nobelpremito.**

## NIA AFERO EN ĈEĤOSLOVAKIO ANTAŬENMARŜAS

Ni povas diri sen troigo, ke apenaŭ ĉi jare (depost 1951) la demando pri la Internacia Lingvo estis traktita sur tia nivelo kaj en tia amplekso. Tio okazis precipe konekse kun la prezentado de la teatraĵo „Kataiki" en Praha.

Pri la Esperanto surscenigo raportis la agentejo ĈTK, la Ĉeĥoslovakaj Radio kaj Televido kaj ĉiuj taĝurnaloj. La E.-prezentado estis priparolita ankaŭ en publika kunveno okaze de la ekspozicio de polaj industriaj varoj.

Pri la farita „bruo" pri Esperanto kontribuis ankaŭ ni—ĵurnalistoj. Ni efektivigis laboran kontakton inter la Ĉeĥoslovaka Presagentejo (ĈTK) kaj la Novzelanda Turisma Agentejo koncerne fotoinformojn. Du ĉeĥoslovakaj ĵurnaloj aperigis artikolojn pri Novzelando (kunlabore kun s-ano Fleming) kaj rakonton pri Vjetnamio. En taĝurnalo „Lidova demokracie" komencis regule aperadi informoj pri la Esp. movado. Nun ni traktas la demandon pri interŝanĝo de aktualaĵoj inter la Pola kaj Praha radiostacioj. Pere de E. mi kunlaboras kun s-ano Kurisu el Tokio.

Tiu ĉi nia agado estas kontribuo por la Jaro de Internacia Kunlaborado, pri la Kampanjo „Oriento—Okcidento". Varbado de membroj por TEĴA estas alia grava afero. Mi mem dediĉas liberan tempon parte al kunredaktado de Paco (ĉs. eldono) kaj por livero de informoj al ĈSEK (Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato—novestarigita antaŭnelonge).

Oldriĥ Knichal, ĈTK — Praha
landa sekretario de TEĴA ĉe ĈSEK

### NIA POŜTO

— Paŭlo Balkanyi, Budapeŝto, Hungario. Dankon pro la sendaĵo. Ni utiligis ĝin en tiu ĉi n-ro de „I. J. " Pri la Kongreslando Hungario ni volonte akceptus belajn fotojn kaj koncizajn informojn pri Budapeŝto kaj la lando, ankaŭ informojn kaj sciigôjn de la Gazetara Servo de LKK.

— L. Giloteaux, Waterlos, Francio. Dankon pro la kunlaboraĵo. Ni atendas ankoraŭ pli grandajn kaj gravajn, ekz. pri la laboro de la Gazetara Servo de la Franca Esperanto—Unuiĝo kaj aliajn priĵurnalismajn. Konekse la reprezentantecon en Francio vi recevos leteron.

— Oskar Berman, Hadera, izraelio. Ni penos trovi ankoraŭ ekzemplerojn de „I.J" kaj sendi al vi. Bonvolu sendi ian kontribuaĵon al la redakcio.

## LA SUKCESOJ DE LA GAZETARA SERVO DE U. F. E.

Oni konstatis gravan altiĝon de la nombro de la artikoloj kaj informoj pri Esperanto aperintaj en la franca gazetaro dum la jaro 1964.

La eltondaĵoj ricevitaj de la Gazetara Servo sumas je 570 (centon pli ol en 1963). Inter tiuj. oni kalkulis 169 artikolojn ampleksajn laŭ pli ol 50 linioj. 65 estis ilustritaj per interesaj fotoj; 487 estis diversaj informoj malpli longaj, sed ofte trafaj. Almenaŭ 7 gazetoj aperigis regulan esperantan rubrikon.

Do dum la 1964 jaro aperis preskaŭ DU artikoloj ĉiutage en la francaj gazetoj! Tio signifas, ke pli kaj pli, ne nur la ekzisto de la Internacia Lingvo, sed ankaŭ multaj el ĝiaj atingoj konatiĝas de la franca publiko. En ties menso Esperanto ne estas nur kuriozaĵo aŭ utopia projekto, sed praktika realaĵo, kiu funkcias, utilas kaj servas. Tiel, iom post iom, malfido kaj skeptikeco kontraŭ la E.—afero malaperas, kaj kreiĝas favora etoso preparanta ĝian alprenon de la oficialaj instancoj.

La ricevitaj artikoloj devenas el ĉiuj partoj de la lando, kaj oni povas fiere konstati, ke la informado jam konsistigas densan reton, kiu atingas ĉiun urbon kaj vilaĝon.

Grava antaŭenpaŝo fariĝis dank'al la agemo kae sindonemo de S-ro Bourdeaux. Li sukcesis —na sen peno — interesigi la parizan gazetaron kaj l-grandajn informagentejojn (inter ili Agence quotidienne d'Informations).

Nun aperas seriozaj informoj en tiaj gravaj gazetoj kiaj Le Monde, France-Soir, Combat, Paris — Presse, Libération, Paris-Match, k. a.

Le Figaro eĉ sendis raportiston al la Universala Kongreso en Hago. Tiu ĵurnalisto ricevis fortan impreson de tiu manifestacio, kaj nun eklernas la Internacian Lingvon.

Ankaŭ teknikaj gazetoj ekkomprenas la valoron de nia lingvo, inter ili Electronique Industrielle kaj Toute l'Electronique. La fakaj gazetoj ankaŭ favoras nian movadon. Ni citu ekzemple la porvirinaj revuoj l'ECHO de la Mode, Marie-claire. Inter la bultenoj de kulturaj asocioj ni rimarkis gravajn artikolojn (Le Rotarien, Monde Uni (federalisma) Lettre fraternelle (kvakera), Lettres Missionnaires (katolika), le Monde des Philatélistes, Buletin de l'Association des francais d'outremer, ktp. l'Echo d'Italia-gazeto de la italoj loĝantaj en Francio dediĉis longajn artikolojn al Esperanto.

Pli kaj pli la gravaj manifestacioj de nia movado ricevas favoran eĥon en la franca gazetaro. Pri la 56-a nacia kongreso en Parizo (1964) oni aperigis 25 artikolojn, 26 pri la Universala Kongreso, 22 pri la filmo „Angoroj", 8 pri la aŭdienco de Paŭlo VI-a al la esperantistaj katolikoj.

Konklude, oni konstatas gravan interesiĝon de la gazetoj pri nia afero.

**Membroj de TEĴA, tuj pagu vian memrokotizon por 1965 kaj antaupagu por 1966 jaroj.**

# ŜTATA UZINO POR KEMIAĴOJ

ĉe Fervojstacio KOSTENEC (Bulgario)

Telefonoj:

| | | |
|---|---|---|
| Komutilaro | — | № 5, 10, 123 |
| Direktoro | — | № 44 |
| Ĉefinĝeniero | — | № 127 |
| Kontregistrejo | — | № 124 |
| Liverejo | — | № 125 |
| Debitejo | — | № 126 |
| Kalkulkonto | — | 34/1 |
| Prunt-konto | — | 35/1 Bulgara Nacia Banko ĉe Fervojstacio KOSTENEC |

Por telegramoj: „HIMZAVOD"

POR LA ENLANDA KAJ LA EKSTERLANDA MERKATOJ

PRODUKTADO DE:

ANILINFARBOJ:

Rektaj ordinaraj
Rektaj lum-imunaj
Duonlanaj kaj duonlanaj kromaj
Acidaj ordinaraj
Acidaj kromaj

ULTRAMARO:

Ordinara — por hejmmastrumaj bezonoj
Sublimita naftalino — por industriaj celoj

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*